# LA LAMPIRO

58-a jaro n-ro 144 2017:2



# La maskoj kaj ni

# Livro didático da língua internacional

## *Método Zagrebe*




Edição revisada e ampliada do livro de estudo baseado no método muito popular nos anos 80 e 90. Traduzido para 30 línguas, sua versão em português ficou a cargo da extinta Zamenhof Editores, em 1993. Esta nova edição vem com um novo projeto gráfico e com ilustrações de Anna Lobo de Carvalho..

**Eldonejo:** EASP
**Eldonjaro:** 2017
**Formato:** 21 cm, 92 paĝoj
**Prezo:** R$ 20,00

KOVRILO

*Venecia masko*

*Fonto: http://freepik.com*

**LA LAMPIRO** *58-a jaro n-ro 144 2017:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

**easp**

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
merkrede: 10h – 16h; vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.

**Estraro**
**Prezidanto**: Genildo Martins Coelho
**Vicprezidanto**: Paulo Sergio Viana
**1-a Sekretariino**: Anna Lobo de Carvalho
**2-a Sekretariino**: Sidnéa da Conceição Beall
**1-a Kasisto**: José Roberto Tenorio
**2-a Kasistino**: Neide Aparecida de Freitas
**Propaganda Direktorino**: Maria Delza M. Jesus

**Konsilantaro**
Conceição Rodrigues, Audino Castelo Branco kaj Aparecida de Souza Araújo

**Anstataŭantoj**
Osvaldo P. de Holanda kaj José Martins Coelho

## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Jen aperas antaŭ vi unu plia numero de nia revuo. Denove ni devas danki niajn kunlaborantojn pro ilia preteco verki interesajn kaj pensigajn tekstojn. Kaj por doni plian koloron al ĝiaj paĝoj, novaj verkemuloj sin proponas – kiel vi povas konstati en la proksimaj paĝoj. Ni esperas, ke aliaj sekvu tiun vojon!

Tute stimula informo alvenis al ‘La Lampiro’ el ‘La Turka Stelo’. Jes! Kun granda ĝojo ni eksciis, ke tiu simpatia, bela kaj riĉenhava revuo republikigis tekston de D-ro Cristina Graaf, el la lasta numero de nia brazila Lampiro (pri zorgoj pri dorlotbestoj dum feriaj vojaĝoj). Krome, ‘La Turka Stelo’ republikigis ankaŭ poemojn de nia kara kunlaborantino Nazaré Laroca. Gratulon!

Tiu novaĵo pensigas nin. Ĉu tio ne estas interesa okazo starigi kulturan interŝanĝon kun niaj turkaj samideanoj? Ĉu tio ne povos fariĝi interesa travivaĵo? Ĉu eventuale, en estonta tempo, inviti turkan Esperantiston al vizito en Brazilo?

Ĉu ne por internacia amikeco kaj kunvivado kreiĝis Esperanto?

Kion vi pensas pri tio, karaj legantoj?



# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martins Coelho**



Estimataj EASP-anoj,

Ĉi-foje mi venas al vi per la paĝoj de nia revuo por kelkaj petoj celantaj la interesojn de nia asocio.

Unua peto koncernas nian Ŝtatan Kongreson, kiu rapide alproksimiĝas. Por ĝia plena sukceso, ni bezonas partoprenon de ĉiu konscia asociano. Vi povas helpi plurmaniere: per aliĝo kaj alveno, per volontula laboro, per diskonigado, per financa helpo. Kiel vi jam scias, pro la 80-jara jubileo de EASP en ĉi tiu jaro la kongreso okazos en la ĉefurbo San-Paŭlo. Oportune ni anoncos la adreson.

Dua peto: ĉi tiu jaro jam rapide fluas, kaj multaj fidelaj membroj ankoraŭ ne renovigis sian aliĝon. Ne necesas insisti pri la graveco de tia aktualigo, ne nur pro la financaj bezonoj de nia institucio, sed precipe pro la tenado de nia reto de geamikoj ĉirkaŭ ĝi.

Tria peto: niaj kulturkunsidoj, en la lasta sabato de ĉiu monato, okazas kun amika etoso kaj riĉa enhavo. Estus tre ĝojige, se pli da samideanoj ĉeestus, kaj ĉi tie ni varme invitas ankaŭ niajn geamikojn el la interno de la ŝtato.



# Intervjuo: Karina Oliveira.

*Karina Oliveira estas juna Esperantistino, kiu antaŭ nelonge diplomiĝis pri Lingvistiko en la Universitato de San-Paŭlo. Sian pormagistriĝan eseon ŝi verkis kun rilato al Esperanto, kio en si mem signifas neordinaran okazon en tiu elita intelekta medio. Pri tiu sperto ŝi konsentis paroli al La Lampiro. En la retejo de la universitato, eblas trovi ŝian disertacion:*
*http://www.teses.usp.br/teses/disponiveis/8/8139/tde-14032017-141417/.*

**La Lampiro**: Kiam vi eklernis Esperanton? Kiu estis via motivo por fari tion?

**Karina Oliveira**: Mi eklernis la lingvon en 2008, kiam mi estis en la lasta jaro de la mezlernejo. Tiam mi loĝis en Biritiba Mirim, la urbo kie mi kreskis. Kaj mi frekventis la esperantan kurson en San-Paŭlo, ĉiun dimanĉon, en la Esperanta Klubo Zamenhof, kaj mia instruisto estis José Roberto Tenório. Mi ne sekvis la kurson ĝis la fino de la jaro, ĉar tiam mi devis studi por la ekzamenoj por eniri la universitaton. Tamen mi daŭre provis memstudi kaj en 2011 mi partoprenis esperantan kongreson en San-Paŭlo (TAKE – Tutamerika Kongreso de Esperanto) kaj iris al EASP ĉiun monaton post la kongreso por partopreni la kulturajn kunvenojn. Nur tiam mi vere ekparolis Esperanton, ĉar antaŭe mi povis nur legi kaj kompreni.




La kialo de la eklernado en 2008 estis spiritisma libro. En 2007, mi legis libron nomatan “Floroj de Maria”, kaj en ĝi estis historio de junulino, kiu eklernis plurajn lingvojn, inter ili Esperanton. Mi scivolis kaj komencis serĉi en la interreto informojn pri tio, kaj trovis informojn pri la kurso, kiun mi sekvis en 2008, en la tiama furora retejo nomata Orkuto.

**La Lampiro**: Je kiu universitata kurso vi diplomiĝis? Kiu estis via motivo elekti tiun kurson?

**Karina Oliveira**: En julio 2014 mi diplomiĝis pri Beletro, kiel fakulo pri la portugala kaj pri lingvistiko. Tuj poste

mi komencis la magistriĝon, kaj finis ĝin en novembro 2016. Ĉi jare mi komencas la doktoriĝon. Kiam mi estis 12-jaraĝa mi decidis, ke mi volas esti instruistino pri la portugala, ĉar mi multe ŝatis gramatikon kaj legis multe (ĝeneralajn librojn). Nu, kiam mi alvenis al la universitato kaj komencis kompreni, kio estas lingvistiko kaj kio estas norma gramatiko, tiam mi ŝanĝis miajn ideojn, tamen mia ŝato rilate al lingvoj ne ŝanĝiĝis. Ĝis nun mi estis oficiala instruistino de la portugala en neniu lernejo, sed jam instruis la portugalan al eksterlandanoj kaj instruis Esperanton en la universitato dum 2 jaroj (2012-2014).

**La Lampiro**: Kian etoson vi trovis en la brazila universitato, rilate al Esperanto?

**Karina Oliveira**: Al tiu demando mi ne povas doni ununuran respondon, ĉar la etoso vere varias laŭ la universitato kaj laŭ la geprofesoroj kaj gelernantoj mem. Unue, en USP (Universitato de San-Paŭlo, kie mi studas) la reagoj ne estis pozitivaj, tamen neniu iam ajn malferme kritikis mian esploron, sed mi ja sentis kelkajn kaŝitajn mokojn kelkfoje.
Mi prezentis mian esploron dum kongresoj en aliaj urboj dum la magistriĝo, specife en Campinas (UNICAMP – Universitato de Campinas) kaj en Uberlândia (UFU – Universitato Federacia de Uberlândia), kaj en tiuj lokoj la reagoj estis eĉ pozitivaj. Estas artikoloj skribitaj de mi kiuj estis publikigataj en revuoj danke al tiuj prezentoj (troveblaj ĉe: <http://www.seer.ufu.br/index.php/dominiosdelinguagem/article/view/31839> kaj <https://revistas.gel.org.br/estudos-linguisticos/article/view/604>), do, se la artikoloj estis akceptitaj, tio indikas ke la prezentoj kaj la skribitaj tekstoj estis respektataj kaj taksataj kiel publikigindaj. Mi rimarkis ke granda parto de la antaŭjuĝo rilate al esperanto devenas de la ne-kono rilate al la lingvo kaj la eblecoj igi ĝin esplorobjekto en sciencaj esploroj, do, kiam la personoj vidas ke ja eblas fari seriozan esploron, kun difinita metodologio, ili ne tiom kontraŭstaras la ideon.

**La Lampiro**: Kiu estas la titolo de via universitata eseo? Chu vi bonvolu resume klarigi, pri kio temas?

**Karina Oliveira**: La titolo, en Esperanto, estas "Adapto de pruntvortoj en Esperanto" ("Adaptação de empréstimos em esperanto", en la portugala). Mi provis esplori, kiuj estas la fonologiaj ŝanĝoj, kiam vortoj eniras la Esperantan sistemon veninte el aliaj lingvoj. La vortojn mi prenis de la revuoj *Kontakto* kaj *Esperanto* (de la eldonoj ekde 2004 ĝis 2014), kaj uzis la vortojn, kiuj ne estis envortarigitaj, ĝuste por kontroli, kiaj estas la ŝanĝoj en novaj vortoj. Krome, estis vortoj ankaŭ el iu komputila terminaro kaj el la blogo de la profesoro John Wells (vortoj kiujn li listigis kiel ne pivigitajn). Mi trovis vortojn el 13 malsamaj lingvoj, sed grandega parto estis el la angla. Precipe mi trovis ekvilibron rilate al la adapto, ĉu per la ortografio, ĉu per la elparola maniero de la vorto (ĉar kelkfoje la elparola formo

kaj la ortografio estas tute malsamaj). Krom la esploro mem, mi serĉis fonologiajn laboraĵojn pri Esperanto kaj resumis ilin, kaj estas ankaŭ resumo pri tio, kio estas artefarita lingvo kaj iom pri la historio de Esperanto kaj la trajtoj de la komunumo, en la komenco de la disertacio.

**La Lampiro**: Vi frekventis la kurson pri lingvistiko en Pollando. Kia estis tiu sperto?

**Karina Oliveira**: Mi ankoraŭ frekventas ĝin; ĝi finiĝos en septembro 2017. Certe la kurso multe helpis min dum la esploro en USP, ĉar mia kono rilate al Esperanto kreskis, mi povis vere travivi, kia estas la internacia etoso rilate al esperantaj eventoj, kaj konis personojn, kiuj estis (estas) gravaj al mi dum la lastaj jaroj. La kurso estas malfacila kaj kelkfoje mi eĉ inklinis rezigni pri ĝi, sed finfine la fino alproksimiĝas. Mi ŝategis koni la aliajn gelernantojn, kaj mi pensas, ke mi estis bonŝanca rilate al la grupo mem, ĉar estis la plej granda grupo de la kurso ekde la komenco, kaj nun en la lasta jaro ĝi daŭras la plej granda.
Estis bone povi restudi lingvistikajn lernobjektojn, kiujn mi studis dum la bakalaŭriĝo ĉi tie en Brazilo, kaj ankaŭ koni aliajn aferojn, kiujn mi ne bone konis antaŭe, kiel la Esperanta literaturo, la historio de la esperanta movado, kaj la metodikaj instrumetodoj de la lingvo. Mi sentas min tre bonŝanca ankaŭ pro tio, ke BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) decidis subvencii min por frekventi la kurson, ĉar sen tiu helpo mi ne povus pagi la vojaĝbiletojn. Krome, mi ricevis stipendion de ESF (Esperantic Studies Foundation) rilate al la kotizo de la kurso (ĉar ĝi estas kontraŭpaga) kaj monan helpon de kampanjo, kiun Katalin Kováts starigis pere de la retpaĝo edukado.net, por helpi kelkajn studentojn rilate al la ĉiutagaj elspezoj en Poznano. Do, mi sentis la forton de la Esperanta komunumo, ricevante helpon de tiom multe da personoj kaj institucioj.












# "Sophie Germain, la bildo de iu historia maljusteco..."

**Audino - Raŝi (Atibaia - SP)**

En lastaj tempoj, oni multe batalas kontraŭ diversaj tipoj de diskriminacioj, inter ili, tiujn kiujn la virinoj ricevas de ni ĉiuj. Ili ricevas salajrojn malpligrandajn ol la viroj kiuj okupas similajn poziciojn en la plejmulto el la dungitecoj, la hodiaŭa virino trovas grandan malfacilecon esti rekonata per sia persona valoro, menskapablo kaj ĉiaj valoraj aspektoj ekster sia mieno kaj korpaj karakteroj. La sekva historio ne koncernas la naskiĝon de tiu antaŭjuĝo, sed montras la forton, kreemon, inteligentecon kaj batalkapablon de iu virino kontraŭ la fietiko de nia socio kiu jam ekzistis antaŭ kelkaj jarcentoj, la epoko de la Franca Revolucio (1789), kaj ankaŭ en la komenco de la 19ª jarcento.



*Marie-Sophie (1776-1831)*

**Marie-Sophie Germain** naskiĝis en Parizo en 1776, kaj tiame, virinoj iris al lernejo nur por lerni sufiĉe por legi kaj skribi amleterojn. Dum sia adoleska fazo, Sophie Germain pasigis multe da tempo en la granda hejma biblioteko pro la danĝera situacio en stratoj de la Lumurbo. Kiam ŝi legis la libron "La Historio de Matematiko" (Jean Ètienne Montucla) ŝi akiris enorman admiron al unu el la grandaj matematikistoj de la antikveco, **Arkimedo el Sirakuzo** (287aK – 212aK) kaj ŝi estis ege impresita de la morto de tiu greka fizikisto kaj inĝeniero, en la romia sieĝo. Arkimedo estis murdita de iu romana soldato (kies misio estis ĝuste protekti lin) kiam li estis skizanta geometriajn figurojn sur la sabloj de la plaĝo.

Malgraŭ la unuaj riproĉoj de siaj gepatroj, Shophie Germain daŭrigis sian matematikan studadon kaj ŝi atingis tiom altan nivelon ke estis natura la memkonkludo enskribiĝi en la plej altnivela scienca kaj matematika Universitato de la epoko, la *"École Polytechnique"*. Ĉar virinoj ne povis partopreni en la kurso, ŝi havis la ideon anstataŭi nefrekvantantan lernanton (kiu foriris el Parizo) kaj, ekde tiam, ŝi adoptis la pseŭdonimon "M. Le Blanc" por sendi la lernejajn taskojn al siaj instruistoj. Unu el ili, **Lagrange** (1736-1813), sentis sin ege impresita pri la kvalito de la taskoj de M. Blanc kaj rimarkis la subitan plibonigon de tiu lernanto, malgraŭ ke Lagrange ne memoris pri li. Do, li devigis la "lernanton" sin prezenti, persone, en lia

lernoĉambro por klarigi la situacion. La surprizo de Lagrange, kiam vidis antaŭ si tiun tiom kleran virinon, estis tiom granda ke Sophie ricevas de li lian apogon kaj admiron. Ekde tiam Lagrange iĝas amiko kaj mentoro de Sophie German; pere de sia apoganto, Sophie kontaktiĝas kun aliaj grandaj matematikistoj de la epoko, kiel **Legendre** (1752-1833), la plej granda influanto pri la maniero instrui Geometrion ĝis hodiaŭ; kaj **Gauss** (1777-1855), La Princo de la Matematiko (legu **La Lampiro** 1/17), konsiderata unu el la plej grandaj matematikistoj el ĉiuj tempoj.

Uzante la kaŝnomon Le Blanc, Sophie korespondis kun Gauss dum multe da tempo kaj ŝi konkeris lian amikecon kaj respekton, malgraŭ ke ili neniam sin trovis persone. Gaŭson (Gauss) nur sciis pri la vera indenteco sia "korespondanto" kiam, en 1807, dum la invado de la francaj soldatoj de **Napoleono** (1769-1821), en Hanovro, li ricevis la viziton de la franca Generalo "Joseph Marie de Pernety", kiu sin prezentis kiel amikon de la familio de "Mademoiselle Germain" pro tio ke ŝi petis ke li, persone, protektu Gaŭson de iu ebla atako de la Napoleona Armeo. Sophie Germain timegis ke la historio estu ripetata al "La Princo" same kiel okazis kun **Arkimedo el Sirakuzo**, ŝia historia admirato el la adoleskaj tempoj. Post la rivelado ke lia korespondanto estis vere Sophie Germain, li skribis al ŝi dankleteron kaj menciis ŝian kuraĝon kaj talenton en la studado pri Matematiko.

Sophie Germain ne nur elstariĝis pri studado de Matematiko, sed ankaŭ Fiziko kaj ŝia plej grava laboro estis pri "Elasteca Teorio", kies rezulto multe kontribuis por la estonta konstruo de la Eiffel-Turo. Malgraŭ ŝia granda talento, Sophie neniam estis rekonata, dumvive, kiel ŝi vere meritis kaj, per la influo de Gaŭso, kiam alvenis perpoŝte ŝian doktoriĝan diplomon sub la aŭspicio de la Universitato de Gotingeno (Gottingen, urbo en Germanio), ŝi jam estis mortinta. Sophie Germain mortis 55-jaraĝe, pro mamkancero, en 1831.

Kiam, en 1889, oni finkonstruis Eiffel-Turon, cent jarojn post la Franca Revolucio, la popolo povis rimarki la omaĝojn al 72 personoj, kies nomoj estis gravuritaj en la 4 lateroj (po 18 flanke) de la unua etaĝo de la Turo. Krom Lagrange (kiu estis denaska italo) kaj la svisa horloĝisto kaj inventisto Breguet, ĉiuj estis francoj, ne ĉiuj scientistoj kaj inĝenieroj. Tie, oni povas legi la nomojn de Lagrange, Legendre, Laplace, Lavoisier, Àmpere kaj multaj aliaj eminentuloj sed oni ne povas trovi virinan nomon, eĉ de tiu kiu kontribuis (per sia Elasta Teorio) por ke la turo stariĝu, la forgesita neforgesinda Sophie Germain.

La demandenda demando: Ĉu la nomo de "M. Le Blanc" estus skribita en la Eiffel-Turo, se la ineco de Sophie ne ekzistus? Se ni konsiderus eĉ la nuntempaj agoj de la homaro, la domaĝa respondo nur povus esti: Jes...



# Ni devas legi plimulte

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena - SP)**

Kiam oni pensas pri la plej grava inventaĵo en la historio de la homaro, oni tuj pensas pri la rado. Mi pensas pri lingvo en skriba formo. Ĉu vi povas imagi la mondon sen tekstoj?



Eble la plej antikva skribaĵo estas la Epopeo de Gilgamesh. La argilaj objektoj kiuj enhavas mitologian rakonton pri homo, kiu defiis la diojn, estis faritaj ĉirkaŭ 2000 jarojn a.K.. Dum 4000 jaroj la homoj skribas, senĉese. Certe tio estas grava fenomeno, ĉu ne?

Jam de longa tempo oni elstarigas la efikon kaj valoron de legado por la mensa sano. Novaĵo estas, ke lastatempe neŭrologiaj esploroj pli kaj pli detale montras la manieron, kiel la cerbo reagas dum legado. Ĝi funkcias ja kiel komplika, multfaceta ekzerco, kiu tenas la cerbon aktiva kaj lerta. Lastatempaj sciencaj esploroj montras, ke ni devas legi pli multe, por nia propra bono.

Kiam oni legas, certa kvanto da cerbaj procezoj aktiviĝas: perceptado, memoro kaj rezonado. Aktivas precipe la maldekstra duono de cerbo, kiu respondas pri lingvokapablo kaj analizokapablo. Sed la tuta cerbo laboras. Dekodigado de literoj, vortoj kaj frazoj estas plenumata de la cerba kortekso; la okcipita kaj tempia regionoj rekonas la signifon de vortoj; la frunta regiono funkcias por la sono de vortoj; hipokampo kaj la meztempia regionoj uziĝas por elvokado de memoroj; rakontoj kaj emociaj enhavoj aktivigas la cerbajn migdalojn kaj aliajn emociofunkciajn lokojn; rezonado pri la legata materialo koncernas la postfruntan kortekson.

Tia multflanka cerba laboro plibonigas la rekonkapablon kaj la inteligentecon. El la Universitato de Toronto, en Kanado, studaĵo montris, ke aparte utila estas legado de fikciaj tekstoj. Tia literaturo estas speco de scenigo, en kiu la leganto mem kvazaŭ interagas. Tiaj tekstoj pritraktas homajn mensojn kaj faras, ke legantoj plibonigu sian kunsentemon kaj komprenemon rilate aliajn homojn. Modernaj aparatoj montras, ke specialaj regionoj en la cerbo, ligitaj al emocioj, aktiviĝas. Inter aliaj bonaj rezultoj, legado de fikciaĵoj povas ekzemple malpliigi antaŭjuĝojn kontraŭ aliaj homoj.

Legado influas ankaŭ en la konservado de rememoroj, kiuj funkcias kiel veraj travivaĵoj.

*(Daŭrigo sekvapaĝe)*

## (mal)BONO

La tirkesto malplenas,
Nenio en ĝin envenas.

La bretoj tute nudaj
Taksas alportojn trudaj.

Kolektantoj forgesas
Ke nur sentoj necesas:

Ĝojego pro sunradio,
Mana varm' sur la talio.

Nepraĵojn en nia mondord'
Ni bakas en em' al malakord'.

Simpleco ne akras en stomak'
Kiam vin luletas hamak'.

Ne mimu ni kion ajn pro kutim'
Fidu ni al nia destin', sen tim'.

Sen sablero en la konkoj,
Sen vekiĝ' pro egaj ronkoj,

Neniam estiĝus perloj,
Por si mem fajfus merloj.

Murdito far perfort', post
suferoj,
Ekkonas plenecon de la sferoj.

El universala pardono
Devenas konscia sindono.

Vivo ne neas:
Amo ne venas,
Ĝi ĉitieas.

*Lilia Ledon da Silva*
*Februaro 2017*

Ankaŭ legado de poemoj estas tre stimula, precipe kiel ekzerco pri subjektiveco kaj interpretado de simboloj.

Resume, la kutimo legi estas fakte tre saniga por la menso. Ĝi devas komenciĝi en la infana aĝo. Kaj maljunaj homoj devas zorgi pri siaj okuloj, por ke tiu plezuro daŭru kiel eble plej longe. Ĉiam estas tempo por novaj pensoj kaj lernado.

Feliĉe, vasta stoko da bonegaj libroj en Esperanto estas disponebla. Cetere, ekzistas interesa programo en Esperantujo, kiu rilatas al legado de libroj kaj meritas ĉies atenton: la Esperanto-Sumoo, iniciatita de la japano Hori Jasuo. Vizitu la retejon

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl

(Prelego farita en la kulturkunsido de EASP, je la 25-a de marto 2017)



# La maskoj kaj ni

Maria Antonia (Silvianópolis - MG)

Laŭdifine *maskoj* estas objektoj uzataj sur la homaj vizaĝoj por ilin kovri plene aŭ parte, cele ŝirmi, falsi, trompi, beligi, ŝanĝi la identecon aŭ kaŝi aspektojn kaj sentojn.

En multaj sportoj kaj profesioj la uzo de maskoj estas nepra, tamen ĉi tiu artikolo temas pri la maskoj laŭ la diversaj popolaj kulturoj tra la historio.

La maskoj ĉiam taŭgis por ke la homoj esprimu la kontakton kun la nekonato, frenezeco, fantazioj, por elverŝi emociojn, imagojn kaj dezirojn, por liberigi fiaskojn, subpremojn, demonojn kaj monstrojn, en interrilato kun la vivo kaj la morto, kun la mistero mem.

La uzado de maskoj estas unu el la plej antikvaj kutimoj de la homo, eble ĉ. 30.000 a.K. Laŭlonge la historio, ili havis malsamajn celojn kaj estis mane faritaj per diversaj materialoj: lignoj, metaloj, ŝeloj, fibroj, eburoj, argilo, korno, ŝtono, plumoj, ledo, peltoj, papero, ŝtofo aŭ maizopajlo.

En Afriko, la maskoj havis distorditajn kaj pligrandigitajn trajtojn, faritaj el kupro, ligno aŭ eburo, kiuj simbolis diojn kaj feojn, uzataj en religiaj ritoj.



*Masko de bovo kun movebla makzelo*



*Masko Gelede el Benino*



*Maskoj de la brazila tribo Tapirapé*

La brazilaj indiĝenoj fasonis siajn maskojn per arboŝelo aŭ pajlo, kiuj preskaŭ ĉiam simbolis arbarajn bestojn, insektojn aŭ birdojn. Ĝis hodiaŭ tiuj figuroj estas por ili la vivantaj supernaturaj estaĵoj kiujn reprezentas.




*Masko de la supernatura ento "Tamokó"*



Inter la nordamerikaj indiĝenoj, loĝantoj de la nordorienta Usono, same kiel inter la *Hopi* kaj *Zuni*, la maskoj estis uzataj en funebraj ceremonioj, dum ili ploris pro siaj amatoj.



En Azio, ekzistantaj en diversaj primitivaj triboj, la maskoj estis uzataj en spiritaj ritoj, nuptoj, resanigado, por elpeli negativajn spiritojn kaj dum la transiro-ritaroj de infanaĝo al la plenaĝa mondo.

En Alasko, la eskimoj kredis, ke ĉiu estulo havas duoblan vivon – duonhoma, duonbesta. Tiel, ankaŭ la maskoj estis faritaj kun duobla vizaĝo, unu sur la alia, kaj la kaŝita povus esti montrata aŭ ne.

En la Antikva Egiptio, la maskoj estis uzataj en funebraj ritoj por helpi la transiron al la eterna vivo. Ili estis metitaj sur la entombigotan mumion por gvidi la spiriton kaj eviti ĝian fuĝon for de la korpo, ĝia eterna ripozo. La egiptoj enskribis paĝon en la historio pro la mortintomaskoj de Tutanĥamono kaj Agamemno.



*Masko de Tutanĥamon*



*Masko de Agamemno*

En Ĉinio, la maskoj servis por forigi la malbonajn spiritojn, kiel parto de <u>Ŝamanismo</u> aŭ religia resanigo. Faritaj el ligno aŭ farbitaj rekte sur la vizaĝo, la maskoj ĉiam ĉeestis en la artoj, speciale en dancoj kaj operoj.



*Masko farbata sur la vizaĝo*



*Ĉinia drako*

Ankaŭ en Antikva Grekio, ili servis kiel funebraj kaj religiaj iloj en manifestiĝoj, ekzemple la festoj de Dionizo, dio de vino kaj fekundeco. En tiuj festoj, ĉiuj drinkis, kantis kaj dancis portante maskojn kaj oni kredis, ke Dionizo tie ĉeestus inter la festantoj. Poste, de ritaj ili fariĝis teatraj maskoj, kiam reprezentis la karakteron de la roluloj, pliigante ĉi ties mienojn kaj ankaŭ iliajn voĉojn, per io kiel "megafono".



*Masko de Pieroto*

La maskoj ekzistis ankaŭ en Antikva Romo, uzataj en teatraj prezentadoj kaj en popularaj festoj, kiam eĉ la nobeloj tie ĉeestis, celante ne esti rekonataj.

La plej famaj maskoj estis kreitaj en Italio kiuj fine fariĝis la roluloj Arlekeno, Pulĉinelo, Pieroto kaj Kolombino, komikaj roluloj de la populara teatro Delarto *(Commedia dell'arte)*, ludata sur la stratoj kaj publikaj placoj. Poste, ĉi tiuj samaj roluloj ekinfluos la Venecian Karnavalon.





En Venecio, la maskoj fariĝis ornamaĵoj kaj ekestis la ĉefaj ekonomiaj aktivecoj de la regiono. Infanoj kaj adoltoj portis ĉiutage maskojn, kiuj kovris parton de okuloj kaj nazo. Tamen, ĉar ankaŭ krimuloj ilin portis, la uzo fine estis malpermesita pro malhelpo al la polica agado. Tiam la venecianoj ekuzis ilin nur dum la Karnavalo, en festoj kaj gravaj vespermanĝoj. *Ball Masquê* (Masko-Balo) estis la unua granda maskobalo en la mondo, kiam la subpremitaj impulsoj eksteriĝis, kaŝante la politikajn konfliktojn.

En la fino de Mezepoko kaj dum la tuta 18-a jarcento, la farado de mortintomaskoj por la monarkoj de Eŭropo reviviĝis kaj fariĝis tradicio inter la famaj homoj de la eŭropa socio, kun la celo unuigi la familian grupon kaj certigi ĝian daŭrigon.



*Du viroj*
*ĉe farado de mortinto-masko.*

En Japanio, la plej popularaj maskoj estas tiuj uzataj en No-teatro, ia klasika kaj profesia teatro ekzistanta ĝis hodiaŭ, kiu estas miksaĵo de kantado, pantomimo, muzikludado kaj poezio. La aktoroj havas ĉirkaŭ 125 modeloj de maskoj, klasifikitaj laŭ kvin tipoj: dioj, diinoj, demonoj, koboldoj kaj gemaljunuloj.



*Masko de No-teatro*

La maskoj trafis la Amerikojn okaze de la alveno de la eŭropanoj, kiuj ekloĝis en la nova kontinento. Ili servis foje kiel infanaj ludiloj, foje kiel ornamaĵoj dum baloj kaj festoj. En Brazilo, la maskobaloj komencis en la 19-a jarcento, frekventataj de la kapitalisma burĝaro de Rio-de-Ĵanejro. Tiuj baloj estis la komenco de la brazilaj karnavaloj kiuj okazas ĝis hodiaŭ.

Ankaŭ ekzistas alia tipo de masko, tiu, kiun Carl Jung nomis *persona* - vorto el latina deveno, kiu signifikas la maskon. Ĉiuj ni havas multajn *persona*-jn; ili ekzistas konstante ene de ni, estu ni tutsolaj aŭ ne. Ĉiu *persona* estas rolulo kiun ni kreas, necesa por vivi kaj survivi socie. Kiam ni elektas maskon por uzi ie ajn, krom liberigi nin iumomente de la kutima *persona*, ĝi ankaŭ povas plifortigi iun *persona*-n kiu estas konvena al ni. Verdire, ĉiam ekzistas la intenco sendi ian mesaĝon sen la riproĉo de cenzuro oficiala, morala, socia aŭ religia.



Kiam la maskoj elprenas aŭ modifas ies personan mienon, fakte ili multe elmontras el tio, kion oni ne povas vidi, kio estas trans la ekstera formo. Tio ja estas la maskoj liberigante aliajn maskojn!

Eble ekzistas pli da vero en la uzo de masko ol ni povas imagi.

Pro tio, atentu pri la elektoj de viaj maskoj!!!



# Moderna vivo

## Ĉu ĉiuj homoj havas saman sorton? Kaj de kio ĝi dependas?

**Carlos Filho (São Paulo - SP)**

Sorto estas spertaro, kiun ni havas, sed mi opinias, ke ne ĉiuj homoj uzas ĝin en la sama maniero. Ekzemple, en lernejaj klasoj, malofte instruistoj pripensas lecionojn kaj ili instruas al gelernantoj, kiuj komprenas la tuton aŭ ne. Do, unue oni pensas pri sorto, kiel fenomeno egala por ĉiuj homoj, sed se ni pensas, ke komunikado estas procezo, kiun partoprenas minimume du personoj, tiu egaleco preskaŭ malaperas.

En la menciita lerneja ekzemplo, la instruisto multe laboras kun la klaso, sed povas okazi, ke iu lernanto ne volas esti tie aŭ eĉ havas familian problemon, aŭ alian motivon. Do, la rezulto estas, ke li ne bone komprenas la lecionon kaj pro tio oni diras, ke li ne havos bonan sorton. Ĉu vere?

Responde al la demando, ne. La sorto, kiel rezulto de komunikado inter personoj, ne estas egala, kaj mi opinias, ke ĝi dependas de la volo paroli kaj aŭskulti.

Aliflanke, se ni komprenas sorton ne nur kiel rezulton de komunikado sed pli komplekse, kiel vivmanieron kaj aliajn okazaĵojn, sorto povas transformiĝi, depende de pluraj situacioj. Lasu min klarigi pri tiuj malsimilaj sortoj per situacioj, kiuj okazas en Brazilo.

Brazilo estas kontinenta lando, en kiu pli ol 200 milionoj da personoj vivas kaj havas tute malsimilajn volojn, necesojn, revojn, k. c.. La brazilaj socioj devenas de kamparanaj socioj, kiujn akompanis pluraj puĉoj: la puĉo de la portugala princo por krei imperion (1822-1889), la puĉo por la unua respubliko (1889-1930), la “nova ŝtato”aŭ diktatora periodo dum la dua mondmilito, alia nedemokratia periodo pro militistaro (post 1964 ĝis 1984) kaj fine, alia forigo de prezidento.

Estas fakto, ke la brazila popolo ne partoprenis ĉi tiujn revoluciojn kaj estis nur grupetoj, kiuj volis kaj volas regi la landon, dum multaj aliaj personoj ne dediĉas sin al sociaj aferoj. Tiuj homoj, kiuj vivas malproksime de la ĉefurboj, pensas nur pri bazaj aferoj tiaj, kiel laboro, manĝado, preĝado, k. t. p.

Por ili, la sorto dependas de la naturo, ekzemple terkulturado, kiun la pluvo povas aŭ ne helpi, permesante ilin travivi.

En la ĉefurboj, la sorto ne estas tia, ĉar gravaj industrioj kaj entreprenoj funkcias tie. Per iliaj laboroj, oni gajnas monon kaj potencon. Tiu senelira rondo helpas ne amason da homoj, sed nur la klubon, kiu regas la landon.

Estas proverbo, plej konata de la popolo, kiu demandas: “kial la popoloj ne fidas je politikistoj kaj politikon sed

*(Daŭrigota en la paĝo 23)*

# La historio de Brazilo en muro

Maurício M. Vilela (São Vicente - SP)





La urbo de São Vicente, en la ŝtato San-Paŭlo, estis la unua urbo fondita en Brazilo, laŭ ordono de Dom Johano la III-a, reĝo de Portugalujo, en la jaro 1532.

La urbo estis fondita de Martim Afonso de Souza, kiu forpelis Cosme Fernandes, la unuan eŭropanon, kiu envenis en tiu regiono. Cosme Fernandes konstruis ŝtonan domon, la unuan masonkonstruon en Brazilo. Ĉirkaŭ la jaro 2009, unu muro de tiu domo estis malkovrita apud muzeo nomita "Domo Martin Afonso." Ĝi estas la plej malnova masonmuro en nia lando kaj komencis esti studata de brazilaj arkeologoj.

Dum elfosadoj sur la bazo de la muro, arkeologoj trovis tri nivelojn de arkeologiaj artefaktoj. La plej malprofunda, kun eŭropaj objektoj de la dek-sesa jarcento; en interna nivelo troviĝis indianaj artefaktoj, faritaj de la Tupi-Guarany-tribo kaj je pli profunda nivelo, restaĵoj de Sambaqui-Homoj.

Sambaqui-Homoj estis antikvaj personoj, kiuj vivis proksime al la maro, por manĝado de maraj moluskoj, de antaŭ 8000 ĝis 2000 jaroj. La konkoj de tiuj moluskoj formis grandegan tavolojn de kalkŝtono, konatajn kiel "sambaqui", kiu estas restaĵoj de tiu popolo. Oni supozas, ke ĉi tiuj personoj estis ekstermitaj de la prapatroj de brazilaj Tupi-Guarany-indianoj, kiam ili alvenis el la nordo. Kvankam la indianoj vivis en pratempa maniero, ili estis relative evoluintaj, kompare kun Sambaqui-Homoj, kiuj do havis nenian rimedon por kontraŭbatali la invadon de la indianoj.

La arkeologoj volis eviti perdon de tiuj arkeologiaj trovaĵoj de netaksebla valoro. La solvo estis subteni la tri nivelojn elmontritajn tra fendo en la muzea etaĝo. Vizitanto povas vidi la tri nivelojn de elfosaĵoj, krom observi la rekuperitajn erojn, kiuj estas montrataj en la muzeo.

Kiu amas historion kaj arkeologion ĝuos viziton al la Domo Martin Afonso kaj al la unua muro konstruita en Brazilo...

# Kiu estis Frida Kahlo?

Anna Lobo (São Paulo - SP)

Magdalena Carmen Frieda Kahlo y Calderon (06.07.1907 – 13.07.1954) – Ĉi tiu estas la nomo, kiun mi omaĝos ĉi-foje. Pli konata kiel Frida Kahlo, ŝi estas fama meksika pentristino. Ŝi naskiĝis en Coyoacán, proksime al Ciudad de Mexico, en la domo de siaj gepatroj, nomata "La Blua domo". Ŝia patro, Guilhermo Kahlo, estis germandevena luterano kiu alvenis en Meksiko kiam li havis 19 jarojn, kaj de tiam sekvis karieron kiel fotisto kaj artisto, laŭ la lastaj historiaj esploroj. Kaj ŝia panjo, Matilde Gonzales y Calderón, estis fervora katoliko, kiu havis hispanan kaj indiĝenan devenon. Ambaŭ geedziĝis tuj post la forpaso de la unua edzino de Guilhermo, okaze de la naskiĝo de ilia dua filino. Malgraŭ la malfeliĉa geedziĝo, ili havis 4 filinojn kaj unu filon, kiu forpasis post kelkaj tagoj de sia naskiĝo - Frida estis la tria. Aldone, estis la aliaj du pli maljunaj duonfratinojn, kio kreis tre virinecan etoson en ŝia domo. Tamen, dum granda parto de ŝia vivo ŝi estis tre ligita al la patro.

La vivo de Frida estis tre afekciita de malsanoj kaj suferoj. La unua, kiu trafis ŝin, estis la Poliomjelito, kiam ŝi estis apenaŭ 6-jaraĝa. Per tio komenciĝis serio da lezoj, akcidentoj kaj operacioj, kiuj devigis ŝin resti surlite dum 9 monatoj. Tio lasis ŝian dekstran kruron



*(Frida Kahlo (1907-1954)*

multe pli maldika ol la maldekstra. Tiel, unu el la temoj de ŝiaj pentraĵoj estos la soleco de ŝia infanaĝo, kaŭzita de ŝia nekapablo akompani la aliajn infanojn pro la movlimigo. Dume ŝia rilato kun la panjo ne estis tute bona, la rilato kun ŝia patro estis plena de amo kaj proksimeco, ĉefe post la malsano, ĉar li estis tiu, kiu apogis ŝin kaj gvidis ŝin al ekzercado.

La 17-an de septembro de 1925. Tiun tagon ŝi neniam plu forgesus dum la tuta resto de sia vivo. Revenante hejmen kun ŝia tiama fianĉo Alejandro, ŝi subite havis sian buson surveturigita de tramo. Ŝi havis plurajn partojn de la korpo rompitaj, kaj eĉ stango trapasis de ŝia maldekstra kokso ĝis eliro tra la vagino. Nigrahumore, ŝi komentis, ke estis malhumana maniero, per kiu ŝi perdis

virgecon. Do, ŝi denove estis devigata resti surlite dum longa tempo. Cetere, la kuracisto devigis ŝin uzadi ortopediajn korsetojn el gipso de diversaj tipoj, kiel ankaŭ diversajn mekanismojn por streĉigado. Post tio, ŝi vidis en pentrado iun manieron regi kaj majstri sian sorton.

Frida komencis engaĝiĝi en la komunisma partio, kaj konis tiam Trina Modosti, kiu prezentis ŝin al la fama artisto Diego Rivera. Tiam, li estis jam sufiĉe fama. Kaj, je iu supriza vizito de Frida, cele montri al li ŝiajn pentraĵojn, ili ekis rilaton, kiu kulminis per ilia geedziĝo en 21.08.1939. Malgraŭ la ŝancelado de ilia rilato pro la malfidelecoj de ambaŭ partoj, ili sukcesis komplementiĝi laŭ pluraj aspektoj, kaj ambaŭ rekonis la respekton, konsideron kaj influon de unu al la alia, en siaj vivoj. Ŝi loĝis dum iom da tempo en Usono kun Diego, kio donis eblecon okazigi ŝian unuan ekspozicion kaj samtempe kreskigi la artan agnoskon pri ŝiaj pentraĵoj.

Ili revenis al Meksiko en 1933, kaj tiam Diego havis amrilaton kun la pli juna fratino de Frida, nome Cristina. Do de tiam, ŝi komencis havi eksterparajn rilatojn kun viroj kaj virinoj. Diego ege ĵaluzis ŝin, sed fine ili disiĝis. Sed tio ne malhelpis, ke ili daŭrigu la amikecon kaj kunlaboradon. Dum tiu tempo ŝi komencis suferi de deprimo, ĉefe pro la fortranĉo de ŝia kruro pro gangreno. Ĉe sia morto, ŝi estis feliĉa pro tio ke ŝi ne plu suferos. Sed certe ŝi lasis sian markon en la mondo per siaj pentraĵoj – skuaj, impresaj, koloraj, vivaj. Estas ĉiam interesa sperto rigardi ŝiajn pentraĵojn. Oni ankaŭ povas trovi tre belan brazilan filmon pri ŝia vivo. Malgraŭ ke nun vi jam konas pli pri ŝi, ĝi ja estas spektinda. Bonan legadon kaj bonan spektadon al ĉiuj.



## DINĈJO KAJ LA SORĈISTINO



# Tradukekzercoj

Alphonsus de Guimaraens

Hão de chorar por ela os cinamomos,
Murchando as flores ao tombar do dia.
Dos laranjais hão de cair os pomos,
Lembrando-se daquela que os colhia.

As estrelas dirão: — “Ai! nada somos,
Pois ela se morreu, silente e fria...
"E pondo os olhos nela como pomos,
Hão de chorar a irmã que lhes sorria.

A lua, que lhe foi mãe carinhosa,
Que a viu nascer e amar, há de envolvê-la
Entre lírios e pétalas de rosa.

Os meus sonhos de amor serão defuntos...
E os arcanjos dirão no azul ao vê-la, Pensando
em mim: — “Por que não vieram juntos?”

## Soneto XIX - en Pulvis

Pro ŝi la meliarboj nepre ploros,
Per velkaj floroj signos la tagfinon.
La oranĝoj falante rememoros
Kun nepra veo la rikoltintinon.

— “Senpovaj estas ni!” — la steloj ĥoros
— “Ĉar morto glaciigis ŝian sinon...”
Ili nepre rigardos kaj angoros,
Perdinte ŝian fratan iluminon.

Panjo lun’, kiu vartis ŝin tenere
— Vidis ŝin vivi, ami — ŝin drapiros
— Per lilioj kaj rozoj senespere. —

Miaj amrevoj jam senvivas nune...
Al ŝi renkonte, ĉefanĝeloj diros
Pri mi: — “Kial vi du ne venis kune?”

*(Esperantigis Francisco S. Wechsler)*

# Recenzo

## La serĉado de la perfekta lingvo en la Eŭropa kulturo

### Herbert Welker (Brasília - DF)




*La serĉado de la perfekta lingvo en la Eŭropa kulturo* estas la esperanta titolo de libro de Umberto Eco (prononcata Eko). La itala originalo (*La ricerca dela lingua perfetta nella cultura europea*) estis publikigita en 1993, kaj jam unu jaron poste aperis la esperanta traduko de Daniele Mistretta, kun antaŭparolo de Humphrey Tonkin.



*Eco (1932-12016)*

En la esperanta Vikipedio troviĝas nur eta artikolo pri Umberto Eco. En ĝi la libro estas menciita trifoje (en la partoj "Eco kaj Esperanto", "Listo de verkoj" kaj "Libroj tradukitaj al esperanto"). En la parto "Citaĵoj pri Esperanto" estas cititaj du asertoj de la verkisto pri nia lingvo, unu el la revuo *Esperanto*, de 1993, kaj unu el intervjuo donita en 1996.

Umberto Eco naskiĝis en 1932 en norda Italio kaj studis Filozofion kaj Historion de la Literaturo en Milano. Unue li laboris ĉe televido kaj poste kiel provleganto ĉe eldonejo. En 1962 li publikigis sian unuan libron ("La malferma verko"), en kiu li montriĝis brila kulturteoriulo. La sekvan jaron li fariĝis profesoro pri Estetiko kaj Vida Komunikado. En 1968 li publikigis la libron "Enkonduko al la Semiotiko", kiu daŭre estas internacie la normiga verko pri Semiotiko. En 1975 li ekokupis la katedron pri Semiotiko en la universitato de Bolonjo, kie li instruis ĝis 2007. Tamen li fariĝis mondfama per siaj romanoj, precipe per "La nomo de la rozo" (1980), kiu estis eĉ film-igita. Tiu romano kaj kelkaj aliaj estis tradukitaj al multaj lingvoj.

Eĉ se oni aldonas, ke li publikigis plurajn aliajn librojn (pri filozofio, semiotiko, kulturo kaj ankaŭ por infanoj), tiuj informoj eble ankoraŭ ne sukcesas montri la gravecon de Umberto Eco. Sed vidu la sekvajn informojn: Li ricevis la honordoktorecon de – miru! – 39 universitatoj en pluraj landoj, krome diversajn gravajn ordenojn. Li estis konsiderata unu el la plej grandaj intelektuloj de la pasintaj jardekoj.

Kelkaj brazilaj verkistoj ege bedaŭris lian morton, okazintan la 19-an de februaro 2016, kaj emfazis ne nur lian gravecon por la monda kulturo, sed ankaŭ lian intelektan honestecon kaj lian afablecon.

Sendube multaj esperantistoj scias, ke li estis sufiĉe favora al nia lingvo. En la supre menciita verko li dediĉis ses paĝojn al Esperanto.

Temas vere pri mirinda verko. La esperanta traduko ampleksas 317 paĝojn. En la bibliografio Eco nomas 266 librojn kaj artikolojn. Laŭ la "Indekso de la nomoj" estas menciataj en la verko ĉirkaŭ 500 aŭtoroj.

Por doni unuan ideon pri tio, kion Eco pritraktas, mi citas la titolojn de la 16 ĉapitroj: 1. *Ekde Adamo ĝis la "confusio linguarum"*. 2. *La kabala pansemiotiko. 3. La perfekta lingvo de Danto*. 4 *La "Ars magna" de Ramón Lull*. 5. *La monogeneza hipotezo kaj la pralingvoj*. 6. *Kabalismo kaj lullismo en la moderna kulturo*. 7. *La perfekta lingvo de la bildoj*. 8. *La lingvo magia*. 9. *La poligrafioj*. 10. *La aprioraj filozofiaj lingvoj*. 11. *George Dalgarno*. 12. *John Wilkins*. 13. *Francis Lodwick*. 14. *Ekde Lejbnico ĝis la "Encyclopédie"*. 15. *La filozofiaj lingvoj de la klerismo ĝi hodiaŭ*. 16. *La internaciaj helpaj lingvoj*.

En sia Enkonduko Eco asertas:

*"La utopio pri perfekta lingvo ne obsedis nur la eŭropan kulturon. La temo de la konfuzo de la lingvoj kaj la klopodo trovi rimedon al ĝi pere de eltrovado de lingvo komuna al la tuta homa genro trairas la historion de ĉiuj kulturoj (kp. Borst 1957)."* La germana aŭtoro Borst estis publikiginta sesvoluman verkon pri la historio de la opinioj pri origino kaj multspececo de la lingvoj kaj popoloj.

Post kiam li eksplikis, ke pro la grandega kvanto da lingvaj projektoj en la mondo li bezonis limigi sin al Eŭropo, Umberto Eco anoncas – ankoraŭ en la Enkonduko – ke li "pritraktis nur":

*1) La remalkovron de historiaj lingvoj, taksataj originaj aŭ mistike perfektaj, kiel la hebrea, la egipta, la ĉina.*

*2) La rekonstruon de lingvoj, kiujn oni pretendis originaj, t.e. fontolingvoj pli aŭ malpli fantomecaj [...].*

*3) Artefaritajn lingvojn, kiuj povas havi tri celojn: I. Perfekteco aŭ struktura aŭ funkcia [...]. II. Perfekteco pro universaleco [...]. III. Perfekteco pro utiligebleco, eĉ nur supozita, kiel la poligrafioj.*

*4) Lingvojn pli aŭ malpli magiajn [...].*

Post tio la aŭtoro listigas tipojn de lingvoj kiujn li pritraktis "nur apenaŭe":

a) Onirikajn lingvojn, nevole inventitajn, kiel la lingvoj de alienuloj, la lingvojn uzitajn en trancostato, la lingvojn de mistikaj revelacioj [...]

b) La romanajn kaj poetikajn lingvojn, t.e. la fikciaj lingvoj, eltrovitaj por satiraj celoj [...] aŭ poeziaj [...].

c) Miksitajn lingvojn, t.e. lingvoj spontane naskiĝintaj de la renkontiĝo de du civilizacioj diverslingvaj [...]

d) Vehiklajn lingvojn, t.e. kaj naturaj lingvoj kaj ĵargonoj pli aŭ malpli limigitaj, kiuj servas kiel anstataŭantoj de la naturaj lingvoj en plurlingvaj areoj [...].

e) Formalajn lingvojn por malgranda uzkampo, kiel tiu de kemio, de algebro kaj de logiko [...]

f) La vastegan kaj tre plaĉan kategorion de la tiel nomataj "lingvofrenezuloj".

Mi citis la titolojn de la ĉapitroj kaj la anoncojn de tio, kion la aŭtoro pritraktas, por montri la vastecon de la

temoj de la libro – kiun ne eblas resumi. Ĉu ĉio tio instigas vin legi la interesegan verkon?

Por fini ĉi tiun artikolon, mi menciu mallonge, kion Umberto Eco diras pri Esperanto.

Unue li priskribas la intencojn de Zamenhof kaj poste – en ĉapitro titolita "Optimumigita gramatiko" – la bazajn regulojn.

Kaj i.a. li informas:

*"Pluraj estis la eminentuloj, kiuj subtenis aŭ simpatiis Esperanton, lingvistoj kiel Baudoin de Courtenay aŭ Otto Jespersen, kaj sciencistoj kiel Peano aŭ filozofoj kiel Russell. Unu el la plej konvinka voĉo estas tiu de Carnap, kiu en sia Membiografio parolas emocie pri la solidaretoso sentita parolante komunan lingvon kun aligentanoj, kaj pri la kvalitoj de tiu 'vivanta lingvo' [...], kiu same posedis mirigan flekseblecon de esprimrimedoj kaj grandan simplecon strukturan [...].*

*[...] Pruve de la sukceso de Esperanto ekzistas hodiaŭ Universala Esperanto Asocio kun delegitoj en la ĉefaj urboj de la mondo. La nombro de Esperanto-gazetoj superas cent, kaj en Esperanton oni tradukis la plej gravajn verkojn de ĉiuj literaturoj, elde la Biblio ĝis la Fabeloj de Andersen, dum ekzistas ankaŭ originala literatura produktado."* (p. 273)

Evidentas ke ankaŭ tiu grava intelektulo, tiu granda homo – Umberto Eco – opiniis, ke nia lingvo estas **sukcesa**.

P.S.: Post kiam mi skribis ĉi tiun artikolon, mi aldonis plurajn informojn al la artikolo pri Umberto Eco en la E-Vikipedio.



## Moderna vivo *(Daŭrigo de la paĝo 16)*

amas la ŝtaton?" En tiu okazo, "ŝtato" estas publikaj programoj pri sano, pri edukado, pri emeritiĝo, kaj aliaj.

Se mi provas respondi ĉi tiun demandon, nia historia volo ne partopreni revoluciojn kaj kolonelecajn politikojn (la situacio, kiam iu "kolonelo" ordonas al grupo da personoj fari aŭ ne fari tion, kion ĝi volas – simile al mafio, sed ne tiom intense) kreis tre kuriozan brazilan etoson.

Do, kian ni parolas pri tiu speco de sorto, ĝi povas esti la sama, depende de iuj ajn interesoj.)

-------

(*) En Brazilo, potenculo agrara, politika, financa, kapabla influi multe da homoj siaprofite.



# Radio-amatorismo vivas kaj travivas

Rodrigo Magalhães dos Santos - PY2RSM (Guarulhos-SP)

Kiam mi diras al iu ajn, ke mi estas radio-amatoro, mi preskaŭ ĉiam aŭdas unu, aŭ ambaŭ, el la jenaj demandoj:



— Kial uzi radioaparatojn? Ĉu vi scias, ke jam ekzistas poŝtelefonoj?

— Kiujn temojn vi, programisto, volas priparoli kun kamionistoj?

Nu, tiaj demandoj ne ĝenas kaj ĝenas min, samtempe. Radio-amatorismo estas hobio kaj, kiel okazas al iu ajn hobio, kelkaj homoj ŝatas ĝin, aliaj ne, kaj tio tute ne gravas. Aliflanke, ĝene, tiaj demandoj montras, ke homoj kutimas miskompreni tion, kio radio-amatorismo fakte estas.

La motivado de ĉi tiu eta artikolo estas provi konigi kelkajn interesan informojn pri la nuntempa radio-amatorismo.

### Radio-Amatorismo kaj Civitana-Bendo: du diversaj aktivecoj

Preskaŭ ĉiu kamiono havas unu — aŭ ofte du — grandajn kaj molajn antenojn. Homoj kutimas konsideri tiajn antenojn kiel "radio-amatorajn antenojn". El tia (mis)kompreno sekvas, ke preskaŭ ĉiuj kamionistoj estas radio-amatoroj!

Se vi pensas tiel, ĉi tie mi ŝatus fari etan korekton: tiaj antenoj estas fakte uzataj por funkcii je la civitana-bendo — tre konata kiel "PX" en Brazilo.

Ankaŭ la civitana-bendo baziĝas sur radio-komunikado kaj havas aliajn simil-ecojn kun radio-amatorismo. Tamen, estas multaj malsimil-ecoj inter ili.

Laŭ la regularo de Anatel — la brazilana agentejo por la telekomunikadoj — la civitana-bendo celas permesi malaltpotencajn komunikadojn, de publikaj kaj privataj interesoj. Homoj kaj entreprenoj povas uzi la civitanajn bendojn por ekzerci siajn aktivecojn. Ankaŭ tiu servo havas bone difinitajn kanalojn — simile al la televido.

Malsimile, radio-amatorismo estas multe pli kompleksa aktiveco, kun malsamaj celoj. Estas kelkaj kamionistoj, kiuj ankaŭ estas radio-amatoroj, sed tiuj estas du malsamaj servoj. Por fariĝi uzanto de la civitana-bendo, vi bezonas nur plenigi formularon kaj sendi ĝin al Anatel. Radio-amatorismo, aliflanke, postulas pli malfacilan procedon. Tiu, kiu volas fariĝi radio-amatoro, devas montri kapablon per testoj pri pluraj temoj: elektroniko, leĝoj pri radio-sendado, etiko kaj aliaj.

### La Hieraŭa, la Hodiaŭa kaj la Estonteca Radio-amatorismo

Dum la unuaj jaroj de radio-amatorismo, uzantoj kutimis komunikiĝi per

morsa kodo. La sendriceviloj — iloj kapabla sendi kaj ricevi radiajn ondojn — por uzi morsan kodon estas tre simplaj, verŝajne la plej simplaj sendriceviloj. Kiel, tiam, la elektroniko estis multe malpli disvolvigita ol hodiaŭ, la morsa kodo estis tre uzata komuniksistemo.

Ekde tiam, radio-amatorismo ege disvolviĝis. Komputiloj kaj poŝtelefonoj kutimas esti uzataj kune kun radioj, por permesi novajn kaj mirindajn sistemojn. Eble radio-amatora satelito flugas tra la ĉielo super via kapo ekzakte nun. La luno estas ĉiutage uzata por rebati signalojn kaj ebligi komunikadojn inter du malproksimaj stacioj.

Malgraŭ la ega disvolvigado, la tradicio vivas kune kun la moderneco: ankoraŭ estas multaj uzantoj, kiuj preferas la malnovajn sistemojn, kiel la morsan kodon kaj AM-komunikadojn. Kelkaj el ili ŝatas dezajni kaj konstrui siajn proprajn sendricevilojn kaj antenojn, lernante multajn aferojn dum la procedo.

Radio-amatorismo evoluas simile al la scienco: multaj radio-amatoroj ĉirkaŭ la mondo laboras por solvi malfermajn problemojn aŭ plibonigi nunajn solvojn. Krome, estas kelkaj funkciaj principoj neeblaj aŭ nerealigeblaj per la nuntempa teknologio, kiuj tamen verŝajne realiĝos estontece.

### Radio-amatorismo kaj Esperanto

Radio-amatoraj samideanoj fondis la Internacian Ligon de Esperantistaj Radio-Amatoroj (ILERA), en 1970. Ekde sia fondo, la Ligo faris multajn aktivecojn, inklusive dum Universalaj Kongresoj de Esperanto, komunikiĝante kun aliaj lokaj radio-amatoroj kaj helpante disvastigi Esperanton tra la radiaj ondoj.

Ĉiujare ILERA organizas konkursojn por stimuli radio-amatorojn el la tuta mondo, esperantistajn aŭ ne, komunikiĝi kaj scii iomete pli pri ILERA kaj pri Esperanto.

Hans Welling, unu el la plej multtempaj partoprenantoj de ILERA, skribis la libron "Esperanto für den Amateurfunk" (Esperanto por radio-amatoroj, en libera traduko). Tiu libro enhavis, inter aliaj aferoj, etajn vortarojn kun proponitaj Esperantaj vortoj difinantaj komunajn konceptojn uzatajn de radio-amatoroj — tre grava laboro, ĉar tio ebligis la paroladon inter radio-amatoroj tute en Esperanto.

### Epilogo

Mi esperas, ke vi ŝatis ĉi tiun artikoleton kaj eble interesiĝos pri radioamatorismo. Ĉiuj estas bonvenaj al ĉi tiu mirinda aktiveco. La hobio estas bonega — ho, kelkfoje mi pensas, ke radio-amatorismo fakte estas familio de interrilataj sciencaj hobioj!

Vi legu pri ĝi en la interreto! Vi montru ĝin al viaj filoj! Estos bonega maniero por la infanoj (kaj ankaŭ plenkreskuloj) lerni geografion, fizikon, matematikon, fremdajn kulturojn kaj iliajn lingvojn! Radio-amatorismo estas scio.

Ĝi vivas kaj pligrandigas vian menson!



# Recenzo

## Ĉarma libro, agrabla legaĵo

**Paŭlo Sergio Viana (Lorena - SP)**

Okaze de via proksima libertempo, kiam vi pasigos kelkajn tagojn sur plaĝo, kuŝante sub agrabla suno, tiam nepre memoru alporti libron. Ĝi estu facila, milda, bontona teksto por ripozigo de via spirito. Por tio, mi rekomendas al vi: pensu pri "Lito apud la fenestro", de Betty Salt (eldono UEA,  1999).




Vi havos en la mano tre simpatian volumeton. Ĝi konsistas el etaj rakontoj, poemoj, teatraĵetoj, tradukaĵoj. Pri la aŭtorino (1907-1994), iama aktiva Esperantisto en la kanada movado, oni skribis, ke ŝi estis mecenato por UEA kaj ĝia Honora Membro. Supozeble, la eldono estis esprimo de danko, flanke de la asocio.

La plej granda merito de la libro estas la stilo de la aŭtorino: flua, pura, ĝusta, nuancoplena – kaj precipe facila. Mi riskus aserti, ke eĉ komencanto, kun helpo de vortaro, povus legi ĝin. Kaj nuntempe, kiam iuj verkistoj preferas komplikajn frazkonstruojn kaj amason da neologismoj – kaj nomas tion "moderna stilo" – estas vera plezuro legi la tekstojn de Salt. Al mi ŝajnas, ke ŝi fidele sekvis la Zamenhofan tradicion.

La enhavo mem de la diversaj, nelongaj tekstoj estas foje edifa, foje naiva, foje amuza, foje lirika. Elstaras la amo al la bela Kanado. Unu el la rakontoj, pri tri fratinoj kaj unu kuracisto, estas vere amuza: unu el la fratinoj ricevas vundon je la postaĵo sed hontas montri tiun korpoparton al la doktoro. Ĉu vi povus diveni, kion ŝi faris por solvi la problemon?

Resume: jen libreto, kiu denove montras, ke literaturo estas eliksiro, kiu bonfaras al la animo. Kaj por tio, ĝi ne devas aspekti komplike; simpleco, delikateco kaj homeco sufiĉas.

(*Lito apud fenestro* - eld. UEA, 1999)

# 28ª Ŝtata Esperanto-Renkontiĝo de Rio-de-Ĵanejro

sabato, 20ª majo 2017




Renkontejo:
**Seminário Unido de Teologia de Mesquita** – Travessa Libânia, 30 – **Mesquita**

Informoj kaj aliĝoj:
aerj.org.br/estadual

campanha

# ESPERANTO



NA BIENAL DO LIVRO 2017 RIO



**Participe e ajude novamente a divulgar o esperanto num dos maiores eventos culturais do Rio de Janeiro**

**Info: disvastigo.aerj@gmail.com**




Organizaĵo de
la Unuiĝintaj
Nacioj por Edukado,
Scienco kaj Kulturo

**La 100ª mortodatreveno de Ludoviko Zamenhof**

Solenata sub la aŭspicio de UNESKO






# Doutor Esperanto

Este ano comemora-se o jubileu de 100 anos da morte do criador do Esperanto, L.L. Zamenhof (1859-1917). Nada mais oportuno do que presentear um amigo com a comovente trajetória deste humanista polonês, nesta nova edição da sua biografia romanceada.

Autor: Walter Francini
Editora: FEB, 2014 (5ª edição)
Formato: 21cm, 185 páginas
Preço: R$ 23,40

**easp.org.br/butiko**